# La LAMPIRO

45a Jaro N-ro 108 Januaro-Aprilo 2004

## EASP, sub nova gvido,



Kovrilo
Libro-servo kaj biblioteko de EASP

## atendas vian viziton.

**La LAMPIRO**

45a jaro n-ro 108 januaro-aprilo 2004

Oficiala Organo de
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo,
senpaga por membroj de EASP

**redaktoro**
Genildo Martins Coelho

**redaktoro**
Av. Jaime Torres, 641- d. Popular, SP-Brazilo
Hejma telefono: 55 11 6091-6420
labortelefono: 5511 6524-8267

**Kompostado kaj grafika aranĝo**
Eldonejo Oportuno
www.editoraoportuno.com.br

**Reviziantoj**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**redaktejo:**
Rua Faustolo, 124 - 05041-000
São Paulo - SP
**Telefono-fakso** (011) 3862-1183
**retpoŝto** easp@osite.com.br

brazila abontarifo por 2004: R$ 10,00

*La redakcio ne respondecas
pri la subskribitaj artikoloj*

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
fondita en 29/03/1937

**Sidejo**
Rua Faustolo, 124 - 05041-000
São Paulo - SP
**Telefono-fakso** (011) 3862-1183
**retpoŝto** easp@osite.com.br

**Estraro**
**Prezidanto** Genildo Martins Coelho
**Vic-Prezidanto** Marija P. Almada
**1a Sekretario** Aparecida de Lurdes de Lucas
**2a Sekretario** Francisca Martos
**Kasisto** Eurico A. Ribeiro

**Konsilantaj Membroj**
Aparecida Tuon, José Martins Coelho
kaj José Roberto Tenório

**Membro-kategorioj** (monate)

| | |
|---|---|
| Kat. 1 (Simpla membro) | R$ 10,00 |
| Kat. 2 (Kunlaboranta Membro) | R$ 12,00 |
| Kat. 3 (Helpanta Membro) | R$ 17,00 |
| Kat. 4 (Subtenanta Membro) | R$ 22,00 |
| Jara antaŭpago: | 15% rabate |
| Sesmonata antaŭpago: | 10% rabate |

**Deĵorado**: de lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 18-a horo.

# Mesaĝo de la Prezidanto

Kiam la nova estraro de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP) estis enpostenigita, ĝi trovis la gravan problemon eldoni aŭ ne eldoni la revuon La Lampiro, ĉar la antaŭa estraro, pro financaj kialoj, ĉesigis ĝian eldonadon.

Nun kun ĝojo ni anoncas al la geanoj de EASP, ke malgraŭ la malfacilaĵoj, ni eldonos la revuon.

Por malpligrandigi la kostojn, la revuo aperos pli modesta kaj kun eldonkvanto iomete malgranda.

Ĉar ĝi estos la ligilo inter ni kaj la EASP-membraro, ĉiuj el niaj geanoj, kiel antaŭe, ricevos ĝin senpage.

Aliflanke, bedaŭrinde, ni ne garantias al la landaj kaj alilandaj asocioj la saman kondiĉon, almenaŭ dum tiu ĉi jaro, ĉar nia financa situacio ne permesas tion.

Por plenumi nian taskon ni esperas kalkuli je la ĉiama kunlaborado de niaj anktivaj artikolistoj.

Ek al la laboro por la progreso de Esperanto kaj de EASP.

---

Je la 6a de decembro okazis en la urbo Jundiai (Brazilo) la unua ŝtata ĉampeoneco de Tchoukball (ĉuk-pilko — svislanda pilko-sporto), kun la partopreno de 6 teamoj (el 3 urboj, nome São Paulo, Jundiai kaj Campinas). Post 5 tre lacigaj kaj malfacilaj matĉoj, Esperanto Tchoukball Clube finis kiel ĉampeono!








Laŭ raporto sendida de
BEJO-anino Ísis Okabe Piton

# Aperta letero al la Brazila Esperantista Juna Movado

*Rogener Pavinski*
*BEJO-ano*

Ni ĉiam aŭdas ke la junuloj estas la estonto de la lando. Ĉiuj konsentas pri tio ke, ĉe la junularo kuŝas potencialaj fortoj por la estonto. La junularo estas la renoviĝo necesa por la postvivado de niaj organizaĵoj.

En la Brazila Esperanto movado, BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo) estas la organizaĵo kiu sindediĉas al la aferoj ligataj al la junularo, tamen bedaŭrinde ĝi malviglas, plejparte pro la preteratento kiujn la propra junularo donas al ĝi.

Jes amikoj, malĝojgas min tre, rigardi la laborantojn malperi, kaŝiĝante for de la kampo. Dum mia mallonga tempo en la E-movado mi vidis tiom da homoj inteligentaj, kapablaj je multaj realigoj, tamen sen agado.

Mi vidis junulojn, kiuj ekaperis, ekmovadis kaj fulme foriris. Kelkaj junuloj, kiuj antaŭ nelonge tre aktivis, respondecis pri junaj agadkampoj, iliajn nomojn vi ne trovas sur la hodiaua tabulo de Esperanto-aktivuloj.

Kio okazas do?
Kial tiu efemera mallongedaŭra partoprenado ?
Miskomprenoj, ĉiujn trafis. Ĉu por tio ni ne plu opiniu?
Diskutojn, ĉiuj jam ekigis.Ĉu pro tio, ni ne plu klopodos trovi komunan vojon?
Seniluziĝon spertas ĉiuj. Ĉu pro tio, ni ne permesos al ni plu revi?

En Brazilo ni estas tre bonŝancaj pro la mirinda interrilatiĝo de junuloj kaj plenkreskuloj, afero, kio devus favori la ni pliajn efektivigadojn. La kvanto da junuloj kiuj bone posedas la lingvon, inteligentaj kaj kreivaj, kiuj jam agadis kaj movadis, plus la kvanto da novaj ĵus esperantiĝintaj junuloj jam sufiĉas por ekstarigi tiun nian movadon.

Ni devas agi kune. “Sola hirundo ne alportas someron”.

Multaj kiam troviĝis meze de la kultivejo kaj vidis sin sola, rezignis pri la kultivo. Sed ne, Mi ne celas kulpulojn. Mi celas agantojn.

Mi ne estas estrarano de BEJO, mi skribas ĉi tiun leteron, kiel simpla BEJO-ano, samideano kaj amiko.

Kaj mi ne intecas arigi homojn por plendi pri la situacio, tio estas tra facila, mi vokas homojn por ŝanĝi cion, kio eraras, por fari sen atendi flegojn au dorlotojn. Kiu volas fanfaroni pri faroj, tiu plibone restu ekstere, ne ekzistos plu spaco por tiaj homoj ene de nia juna movado.

Ekzistas multaj farendaĵoj, kiuj tamen multe favoros al ĉiuj. Ni devas decidi pri la sekciiĝo de BEJO al BEL, pri ŝanĝoj en la statuto, pri la situacio de la nuna estraroj, ni devas starigi la

reton de reprezentantoj, diskuti pri la brazila pasporta servo, pri la plibonigado de la eldonaĵoj, pri la aperigo de la retpaĝo de BEJO, pri farado kaj disvendado de aĵoj, kiel ĉemizoj, broĉoj, ekz. Kaj pri multo alia.

Ni brazilanoj ja estas aro da dotitaj junuloj. Ĉe ni abundas muzikistoj, kantistoj, verkistoj, instruistoj, poetoj, multfakuloj, ktp. Ĉu ni lasos nian forton resti tiel dise, sen ia ajn plafono, sub kiu ĉiuj povus helpi unu la alian?

Ĉu eble neniu rimarkas ke BEJO devas esti la arbo, kiu renovigas nian aeron, ebligante al ni inspiri plenpulme?

Jes, ĝi devas esti la arbo, kiuj liveras ombron por nia senlaciĝo de forta suno, kaj la fonto, kies akvo malsoifigas nin.

Ĝi devas havi fortan trunkon por elteni furiozajn ventojn kaj tempestojn, tamen ĝiaj radikoj apenŭu feble trafis la grundon.

Sub kiu ombro ni ripozos kaj de kiu akvo ni malsoifiĝos?

Semi, disĵeti semojn sur la grundon, estas facila, rikolti ankaŭ ne postulas tro. Sed kultivi...ehe, tio ja ne estas tasko por iu ajn. Tio postulas paciencon, sindediĉon kaj amon. Ĉar estas nek la seminto nek la rikoltonto, tiu, kiu devas akompani la kreskadon, kiu devas akvumi per ideoj, apogi per instigoj kaj nutri per laboro. Estas la kultivanto, kiu vidas la disvolviĝon, kaj sentas la odoron de la florparfumojn anoncante la bonajn fruktojn venontajn.

Kara amiko.Vi devas decidi.

Ni komencu tiun ĉi novan jaron kun pli da forto kaj strebo ol antaŭe!

Se vi volas akompani min, respondu ĉi tiun alvokon per simpla frazo: "Kalkulu je mi", do ni laboru kun ĝojo kaj sindediĉo, kaj kune rikoltos la fruktojn de nia brava laborado. Tiel ĉiuj vidos ke fakte ni estas multaj, kaj ni pruvos ke, unuiĝintaj ni povas multon realigi. Ni ekigos la laboron per nia retlisto: **http://br.groups.yahoo.com/group/bejo-listo/**

Kaj se vin, tiuj vortoj ne tuŝis... ne malhelpu ! Mi ne ĉesos la laboron.

---

## Esperanto-Asocio de San-Paŭlo
## Viva Gazeto – Kulturkunveno 2004

| Monato | Tago | Preleganto | Temo |
|---|---|---|---|
| Marto | 27 | Ĝenerala Asembleo | Laŭ tagordo |
| Aprilo | 24 | Prof-ro D-ro José Joaquim Lunazzi | Olmekaj Speguloj |
| Majo | 29 | Prof-ro Pedro Jacintho Cavalheiro | Elekotota de preleganto |
| Junio | 26 | D-ro Lucas Yassumura | Elektota de la preleganto |
| Julio | 31 | Kongresa Raporto | Ĝeneralaj okazaĵoj |
| Aŭgusto | 28 | D-ro Paulo Sérgio Viana | Elektota de la preleganto |
| Septembro | 25 | Rodrigo de Méo | Elektota de la preleganto |
| Okotobro | 30 | Leysester José F. Miró | Elektota de la preleganto |
| Novembro | 27 | Emílio Cid | Elektota de la preleganto |
| Decembro | | Zamenhofa festo | |

# Omaĝe al la Internacia Tago de Virino

*José Martins Coelho*
*jmcoelho@uol.com.br*

Ili estas konkerantaj spacon kaj en la socio kaj en la laboro, tamen, por konkeri tiujn rajtojn, ili alfrontis gigantan batalon. Malgranda retrospektiva ekspozicio tiuritale kaj en la mondo kaj en Brazilo donas al ni la dimension de tiu ĉi batalo.

Obeema ekde la Klasika Anktiveco, la virino reagas komence de la Mezepoko kie ni trovas, en 1405, Christine de Pisan, vidvino kaj patrino de tri filoj, protestante fortege, pere de sia verko "LA CITÉ DES DAMES", kontraŭ la diferencigo inter viroj kaj virinoj kaj provante defini la rolon de la virino en la socio.



Pli malfrue, ĝuste en 1622, ni trovas Marie de Gournay, kiu proponas la egalecon inter viroj kaj virinoj kaj elstarigas, ke por atingi ĝin, estus necese ke la virinoj ekhavu instruitecon

En 1790, la angla profesorino Mary Wollstonecraft publikigis la verkon LA REPOSTULO DE LA VIRINAJ RAJTOJ kaj estigas la bazojn de la moderna feminismo.

En 1866, la feminismo manisfetiĝas en Anglio postulante la virinan voĉdonon.

En 1910, en Kopenhago, iniciatita de la germana ĵurnalistino Clara Zetkin, virinoj el 17 landoj adoptis la proponon krei internacian tagon por kanalizi klopodojn cele havigi la virinan voĉdonon.

En 1920, la usonaj virinoj akiris la rajton voĉdoni, dank' al la klopodoj de S-ino Carrie Chapman Catt, kiu, ekde 1890, diligente laboradis tiucele.

En 1949 la feminismo akiris netakseblan plifortigon per la publikigo de la verko LA DUA SEKSO de la franca filozofino Simone de Beauvoir.

En 1960, la usonanino Betty Friedman kreas la organizon NOW (angle National Organization for Women), de kiu devenas la nuntempa liberiga movado de la virino

En 1975, la ĝenerala asembleo de Unuiĝintaj Nacioj rekonis la virinan batalon kaj oficiale fiksis la 8an de Marto kiel la internacian tagon de la virino.

En Brazilo, Anita Garibaldi kaj Chiquinha Gonzaga estis la unuaj virinoj, kiuj rompis la virseksan regadon de la dua imperio.

Ĉe ni, en 1934, la brazilaj virinoj konkeris la rajton voĉdoni. Malgraŭ tio ili voĉdonis nur en 1945, ĉar dum la periodo 1934-1945 ne estis balotado en Brazilo.

En 1966, la Brazila Nacia Kongreso enkondukis la kvotan sistemon en la balotan leĝaron devigante la politikajn partiojn enskribi, minimume, 20% da virinoj en siajn proporciajn kandidatarojn. Tiu ĉi leĝo permesis al la virinoj pligrandigi sian partoprenadon en la politika vivo de la nacio.. Dank' al tiu ĉi leĝo nuntempe ni havas du guberniestrinojn: Rosinha Matheus (Rio de Jxanejro) kaj Wilma Maria de Faria (Norda-Riogrando), 317 urbestrinojn, du el ili en

ĉefurboj: Marta Suplicy (San-Paŭlo –SP) kaj Kátia Born Ribeiro (Macejoo – AL), 9 senataninojn kaj 44 de deputitinojn ĉe la Nacia Kongreso.

Ĝoje ni rimarkas, ke la brazila konstitucio garantias la egalecon inter viroj kaj virinoj ( art. 5 ero I )

Laŭ enketo de la firmao Catho , en la lastaj 12 monatoj, la virino jam okupas 15,87% en la prezidanteca posteno de la entreprenoj kaj 45,63% je la komisiita nivelo.Aliflanke, Brazila Instituto pri Geografio kaj Statistiko ( BIGS, portugale IBGE) registras, ke en urbaj areoj, ili jam havas, averaĝe, unu jaron da instruiteco pli ol la viroj kaj ankaŭ la sama instituto konstatas, ke de 1992 ĝis 2002, la nombro da virinoj, kiuj estras familiojn, pasis de 21,9% al 28,4%.

La virinoj estas pli kaj pli plenumantaj taskojn, antaŭe ekskluzivajn de viroj, kiel banko-prezidanto, taksiisto, advokato, aviadilestro, militisto kaj ŝtataj ministroj.

En tiu ĉi 8a de marto, ni gratulas la tutmondajn virinojn pro iliaj atingoj, kaj ni atentigas, ke malgraŭ la progreso atingita, la virinoj ankoraŭ havas multon por konkeri, ekzemple havi laborpagon egalan al la viroj plenumantaj la samajn taskojn. ( Ĉe ni sufiĉas plenumigi kion garantias la brazila konstitucio, art. 6 ero XXX ) Krome, en multaj landoj iliaj rajtoj ne estas tute rekonataj. Kun bedaŭro ni estas konstatintaj, ke virinoj jam havis siajn seksajn organojn mutilitaj (Niĝerio) kaj estis eĉ ŝtonumitaj pro supozataj krimoj pri adulto (memoru pri kio okazis al Safiya Hussaini kaj Amina Kur en Niĝerio).

Bibliografio:

http:// mixbrasil.uol.com.br/cultura/especiais/dia da mulher/dia da mulher.asp
Revista Isto É . 10/03/04 Numero 1796
Sinopse da História dos Estados Unidos – Frances Friedman, Secção de Revistas, Divisão de Imprensa e Publicações Internacionais, Ministério das Relações Exteriores, Estados Unidos 1952.
Brazila Konstitucio

# Unu jaro sen la geedzoj ledon

*José Martins Coelho*
*jmcoelho@uol.com.br*

La trian de Marto, malĝoje, ni konstatis, ke unu jaro jam forpasis ekde la tago, en kiu ni perdis la kunvivadon de la neforgesebla paro Ledon.

Nia koro ankoraŭ sangas pro la perdo de niaj karaj geamikoj.

Neniam ni forgesos, ke dum multaj jaroj, ili senĉese laboradis por Esperanto kaj por Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP).

Ilia tragika malapero lasis la EASP-membraron orfa kaj estis katastrofo por nia asocio.

Kiel antaŭvidite de mi mem, en la nekrologo kiun mi verkis pri la paro kaj publikigita de La Lampiro en aprilo 2003, nia asocio eniris en krizon. La unua estis la malapero de la revuo La Lampiro. Poste aliaj venis.

Malgraŭ niaj nuntempaj klopodoj ĉe EASP, ni trovas grandan malfacilaĵon, por meti nian asocion en la saman progresan vojon, kiun ni heredis de la admirinda paro.

Okaze de la unua datreveno de la forpaso de niaj karmemoraj geamikoj, ni atentitigas al la membraro de nia asocio, ke nia granda omaĝo al ili, estas labori pli kaj pli, cele trafi la grandecon de Esperanto kaj de EASP.

# Homaj furzoj kaj bovaj ruktoj

*José Dias Pinto*
*Jodipinto@uol.com.br*



Antaŭ pluraj jaroj nia nekonformi-ĝema, talenta kaj batalema Gibert R. Ledon publikigis en MONATO neordinaran artikolon pri temo kutima, inter aliaj, en siaj vervaj pledoj por racio. Temis pri mediprotektado kaj manko de racia politiko por nasko-limigo. Anstataŭ paroli pri la antaŭvidebla elĉerpiĝo de naturaj rimedoj — resursoj, se tion oni plivolas — kaj la tion kaŭzanta "homa stulteco", li imagigis al ni iun mondon, kiun inundo de gasoj igos supozeble tre malkomforta, kiam la homaro iĝos dudek-miliarda, kun sama nombro da bovoj sur nia komuna planedo.

Li prezentis la gasan konsiston de la homa furzo kaj la bova rukto kaj kalkulis la imponan volumon da, kiun niaj senkulpaj pranepoj devos alfronti... kaj spiri. Li bildigis la samtempe ridindan kaj plorindan kompatindecon de la tiama homaro.

Oni atentigis lin pri tio, ke eble iujn liajn skoldojn pri la homa nekapablo racie agi kaj vivi, oni forgesos... sed ne tiun humuran artikolon, kies stilo estas multe pli persvada kaj kiun li devus ja uzi por iom plimalpezigi, iom spicumi la ĉiamajn sarkasmajn skurĝadojn. Li respondis, ke ne ofte kaj ne facile oni havas tiajn inspirajn ideojn.

Bedaŭrinde, ĉar ja oni pli facile toleras akuzon pri neinteligento ol pri ridindo. Tial, onidire, diktatoroj timas humuristojn. Eble ne senkiale.

Plurajn jarojn antaŭ ol Sovetunio disfalis, eksterlanda ĵurnalisto vizitis Rusion kaj revenis al sia lando kun la optimisma kredo, ke jam oni povas antaŭvidi la finon de la imperio. En Moskvo li ĉeestis teatran spektaklon kaj rakontis pri atrakcio dum kiu sursceneje rolulo komentariis ĵusan paroladon de soveta potenculo. Ĉi tiu, interalie, estis dirinta, ke li "vidas jam en la horizonto la tagon, kiam, en Sovetunio, oni atingos la vivnivelon de la usonanoj". Kvazaŭ komentarie, li aldonis, ke li timas ne scii kio estas "horizonto" kaj decidis dokonsulti enciklopedion. Tie li trovis, ke "horizonto estas la linio, ĉe la limo de nia vidkampo, apartiganta la ĉielon de la tero, kaj kiu malproksimiĝas, laŭgrade de nia antaŭeniro". Tiam li komprenis la aserton de la altrangulo.

Reveninte al sia lando la ĵurnalisto komentis la epizodon kaj antaŭvidis — en la akcepto kaj ĝuo de humuro fare de la spektantoj — la prognozon pri iu nova, pli hela epoko por la popoloj de la soveta respublikaro.

Ankaŭ por ni, esperantistoj, estus bonvena iu elstara humuristo kapabla ridindigi la indiferentulojn kaj kontraŭulojn de Esperanto.

Humuristo ne nomanta ilin stultaj, sed kapabla fari, ke ili sentu sin tiaj. Ja al ekstera rigardo stulto kaj ridindo ŝajnas parenci.

En la komenco de la Esperanto-movado — kaj ĝis antaŭ ne tre longe — la direkto kaj celo de subvalorigaj ŝercaĵoj estis inversa: la esperantistoj estis la viktimoj. Tamen jam en la unua aŭ unu el la unuaj eldonoj de FUNDAMENTA KRESTOMATIO aperis anekdoto elektinta la ĝustan viktimon. Temis pri homo demandinta kien oni povas eskapi el la ĉie aperanta viruso de esperantismo. Ĉeesta esperantisto, celo de la ŝercaĵo, respondis, ke bona loko estas ia subterejo, kaverno aŭ io simila, ĉar la viruso bezonas sunon kaj liberan aeron por prosperi.

Povas esti ke Interreto, tiu elstara alloganto de gejunuloj, peros al ni multe da maltradiciaj spitemuloj, inter ili ankaŭ homoj porlingve talentaj, homoj al kiuj sprito ne estos fremda kaj kapablaj uzi ĝin ĝustacele, homoj potenciale kapablaj sente kaj intelekte esti altirataj de Esperanto. La virtuala Esperantujo ja kreskas, kaj ni scias, ke kvanto pavimas la vojon al kvalito, almenaŭ kiam temas pri la produktado de varoj.

Ja, kiam temas pri varfabrikado, la homoj havas la okazon lertiĝi pro la konstanta prilaborado de la samaj produktoj; la produktantoj havas la stimulon kaj povon investi por teknologie altigi la kvaliton de siaj produktoj; la tiel kreita kvalito altiras pli da klientoj kaj tiel vastiĝas la rekono de la socio pri la aĉetindo de la produkto.

Ni povas supozi, ke ĉi tiu leĝo validas ankaŭ por la «produktado» de esperantistoj. Se la kreskado ekzistas — kaj la nombroj de la esperantaj diskutlistoj kaj paĝoj en la reto atestas pri tio — nepre kreskos en la komenco, se ne la elcento da talentuloj, almenaŭ la absoluta nombro da bone dotitaj Esperanto-parolantoj. Post tiu komenca etapo eblas, ke ne nur la absoluta, sed ankaŭ la relativa kresko manifestiĝos, kiel rezulto de la interagado de pli da homoj en Esperanto interŝanĝantaj opiniojn, spertojn, informojn, sciojn pri la plej diversaj kulturaj manifestiĝoj. Same kiel pri la varoj, probablas, ke ankaŭ la kvalito de la esperantistoj kaj de la peresperantaj agadoj altiros aliajn kandidatojn al esperantisteco.

Se oni konsideras, ke temas pri kulturaj valoroj, la kvalito de tiuj «varoj» altiros homojn potenciale pli kapablajn, tiel provizante la tiel nomatan daŭrpovan kreskadon.

Oni povas do esperi, ke pli da esperantaj kapabluloj ekburĝonos el la reto. Kaj oni povas revi, ke iam, almenaŭ tie, oni povos legi ĝustadirektajn satirojn, humuraĵojn, priridigojn.

Se aperantaj en Esperanto ili apenŭ efikos kiel varbiloj, sed plenumos alian gravan rolon: stimuli la varbitojn teni sin sur la flanko de la sprita humuristo por ne trafiĝi de ties pikaj sagoj. Kaj se fojofoje ili priridos sin kaj nin, ni nin konsolu per la ideo, ke priridi sin mem estas atesto pri saĝo. Kaj intertempe ni vaste uzu la reton kaj la facilecon, kiun ĝi provizas al ni por interŝanĝi mesaĝojn, legi revuojn kaj librojn, informiĝi pri internaciaj aktualaĵoj, aŭdi radioelsendojn — baldaŭ eĉ spekti televidon — ĉio en Esperanto.

## 55a RENKONTIĜO DE ESPERANTO DE LA SUDPARAIBA VALO

Okazis, en la sepa de la pasinta marto, la 55a Renkontiĝo de Esperanto de la Sudparaiba Valo, en la urbo São José dos Campos, kun partopreno de geesperantistoj el diversaj urboj de la Suparaiba Valo, Rio de Janeiro, São Paulo kaj Salvador.

Nia asocio estis invita lastmomente kaj estis reprezentata de nia prezidanto kaj de nia samideano Joel Afonso Francisco, kiu, dum kvin minutoj, salutis nianome la ĉestantaron.

# Falsaj amikoj en Esperanto

*Francisco Stefano Wechsler*

La termino "falsaj amikoj" servas por karakterizi tiujn vortojn en fremda lingvo, kiuj prezentas egalan aŭ tre similan formon en ies nacia lingvo, tamen havas malsaman signifon. En tiu ĉi artikoleto mi uzos la terminon iom pli amplekse, signifante "vortoj, kiuj prezentas malfacilaĵojn al portugallingvaj esperantistoj, pro ia trompsimileco kun la portugala". Jen kelkaj ekzemploj:

"Admiri" ne ĉiam signifas "admirar": "Eu admiro Zamenhof, por sua tenacidade." = "Mi *admiras* Zamenhof-on pro lia persistemo." Sed: "Eu me admirei ao ver quão rapidamente conseguia dominar o idioma." = "Mi *miris*, ke mi tiom rapide sukcesas regi la lingvon."

"Vez" tradukiĝas jen kiel "fojo", jen kiel "vico": "É a primeira vez que venho aqui." = "Estas la unua *fojo*, ke mi venas ĉi tien." Sed: "Chegou minha vez de falar." = "Alvenis mia *vico* paroli."

"Sonĝi" signifas "vidi bildojn dum la dormo": "Dizem que sonhar com gatos pretos dá azar." = "Oni diras, ke *sonĝi* pri nigraj katoj alportas malbonŝancon." Sed: "Por séculos os alquimistas sonharam com a pedra filosofal." = "Dum jarcentoj la alĥemiistoj *revis* pri la ŝtono de saĝuloj." Tamen Zamenhof skribis: "...Nia diligenta kolegaro / En laboro paca ne laciĝos / Gxis la bela *sonĝo* de l' homaro / Por eterna ben' efektiviĝos." Tiu ĉi uzo de "sonĝo" estas evitinda.

Ĉu vi scias la diferencon inter "anstataŭi", "anstataŭigi" kaj "substitui"? Vidu la jenajn ekzemplojn kaj rimarku la malsamajn verbuzojn. "La vicprezidanto *anstataŭas* la prezidanton, kiam tiu ĉi vojaĝas eksterlanden." "Eblas *anstataŭigi* benzinon *per* alkoholo, sed tio postulas, ke oni adaptu la motoron." Tiun ĉi lastan frazon oni povus ŝanĝi al: "Eblas *substitui* alkoholon *al* benzino, sed tio postulas..." Rimarku, ke la radiko "substitu-", kvankam zamenhofa, ne estas oficiala.

"Daŭri" estas ĉiam netransitiva, dum "daŭrigi" estas ĉiam transitiva. Do: "Enquanto houver um único homem na Terra, o perigo continuará = Dum vivos eĉ unusola homo sur la Tero, *daŭros* la danĝero." Sed: "O palestrante continuou seu discurso interminável." = "La preleganto *daŭrigis* sian senfinan paroladon."

"Sanĝi" estas ĉiam transitiva, kaj "sanĝiĝi" estas evidente ĉiam netransitiva. "Vamos mudar de assunto = Ni ŝanĝu la subjekton". "As folhas mudaram de cor." = "La folioj *ŝanĝis* sian koloron." Tamen: "A ênfase no tratamento de doentes mentais mudou." = "La ĉefdirekto de la kuracado de mensmalsanuloj *ŝanĝiĝis*."

Ni ĵus uzis la verbon "kuraci", kies portugallingva traduko estas "tratar", dum "sanigi" signifas "curar". Notu la du sekvantajn ekzemplojn: "Oni kutime *kuracas* reŭmatismon per kontraŭinflamaj medikamentoj, sed ofte la pacientoj ne plene resaniĝas." "Laŭ la evangelioj, Kristo kapablis *sanigi* blindulojn."

"Único" ne ĉiam tradukiĝas kiel "unika". "O esperanto não é a única proposta de língua internacional." = "Esperanto ne estas la *nura* propono de lingvo internacia." Komparu al: "O quadro "Guernica" é *único* em sua capacidade de transmitir o horror da guerra." = "La pentraĵo "Guernica" estas *unika* pro sia kapablo transdoni milithororon."

"Frakasi" ne signifas "fracassar", do atentu! "Fracassaram os esforços para a aceitação mundial do Protocolo de Quioto." = "*Malsukcesis [fiaskis]* la klopodoj por tutmonda akcepto de la Kiota Protokolo".

# Mi petas la parolon

*Osvaldo Pires de Holanda*

La afero pri kiu mi parolos al vi hodiaŭ kredeble ŝajnos strange, sed miaopinie ĝi meritas atenton, ĉar ĝi rilatas al ĉiuj homaj estuloj, do neniu ignoras, ke iun tagon ni mortos kaj estas tiumomente kiam komenciĝas la problemo, nome la entombigo.

Ĉu vi jam vin detenis almenaŭ dum kejkaj minutoj pri tiu afero? Ĉu vi jam agnoskis la malprofitojn, kiuj postvenos de la entombigo de lepruloj, tuberkululoj kaj multaj aliaj malsanuloj entombigitaj en la tero? Ĉu vi jam pensis pri la malsanprofitoj, kiuj postvenos de la infektitaj akvoj de la pluvoj kondukitaj al la riveroj kaj maroj plenaj da patogenaj ĝermoj infektante poste la vivantajn estulojn? Mi opinias, ke jam alvenis la momento de la homaro konscienciĝi pri tiu grava problemo, kiu minacas la sanon de miloj da homaj estuloj.



En landoj pli civilizataj kiel Francio, Anglio, Svisio, Norvergio, Svedio, Nederlando kaj aliaj, delonge la kremacio estas oficiale adoptita. En Japanio la kremacio atingas 90% kaj en la ĉefaj urboj de tiu lando ĝi estas devigata.

En nia lando kie granda parto de la domoj ne havas tubkondukitan akvon, uzante ĝin de infektitaj putoj per la invado de pluvaj akvoj, estas sendube kaŭzo de grandaj malprofitoj al la sano de la popolo. Oni scias, ke malpli ol 40% de la popolo ne disponas je tubkondukita akvo eĉ en São Paulo. Kion oni diros pri la aliaj regionoj de la lando?

Tiamaniere ŝajnas al ni, ke la rekomendinda solvo estas la kremacio, afero pri kiu eĉ la religioj ne opinias kontraŭe. Tiel ni esperas, ke tiu ĉi averto per la paĝoj de La Lampiro, estu la unua ekkrio aperinta en la esperanta gazetaro, favore al la vekiĝo de la brazilaj aŭtoritatoj antaŭ tiu grava kaj solvenda problemo.

En São Paulo kaj Rio de Janeiro, ni jam posedas krematoriojn sed tiuj ne sufiĉas; la ideo devas etendiĝi al la tuta lando, komence de la ĉefurboj, sed la idealo estas, ke la afero atingu estonte la tutan landon.

La entombigo en la tero anstataŭ la kremacio, valoras nur por subteni la malhumilecon de kejkaj familioj kies tomboj, veraj maŭzoleoj, evidentigas la lastajn trajtojn de la homa vanteco.

Sed: "A força das tropas invasoras esmagou toda e qualquer resistência." = "La forto de l' invadotrupoj *frakasis* ĉian ajn reziston." Rimarku, ke la verbon "frakasi" oni ĉiam uzas transitive.

Ne konfuzu "ignori" kun "nescii". "Alguns chefes de Estado, quer por ignorância ou arrogância, não se importam com os países pobres." = "Kelkaj landestroj, ĉu pro *nescio* aŭ aroganteco, *ignoras* la malriĉajn landojn."

La ĵus prezentitaj ekzemploj tute ne elĉerpas la temon de falsaj amikoj. Konsultu vi mem la vortaron, kaj klopodu trovi aliajn ekzemplojn de tiaj kaptiloj!

# El la Esperanta Literaturo



Lazaro Ludoviko Zamenhof (1859 – 1917) estis ruslanda hebreo, okulkuracisto kaj aŭtoro de Esperanto. El liaj ĉefaj literaturaj verkoj elstariĝas: ***Hamleto*** ( de Shaespeare, 1894 kaj ankoraŭ sep eldonoj)***, La predikanto*** (el Biblio, 1907), ***Georgo Dandin*** ( de Molière, 1908), ***Ifigenio en Tauxrido*** (de Goethe, 1908), ***La rabistoj*** (de Schiller, 1908), ***La psalmaro*** (el Biblio, 1908), ***La sentencoj de Salomono*** (el Biblio, 1909), ***La rabeno de Baĥaraĥ*** (de Heine, 1909), ***La gimnazio*** (de Ŝolem Alejĥem), ***La batalo de l'vivo*** ( de Dickens, tradukita en 1891, eldonita libroforme en 1910), ***Marta*** ( de Orzeszko, 1910), ***Proverbaro*** (1910), ***Genezo*** (el Biblio, 1911), ***Eliro*** (el Biblio, 1912***), Levidoj*** (el Biblio, 1912) ***Lingvaj respondoj*** (1912), ***Nombroj*** (el Biblio, 1914), ***Readmono*** (el Biblio, 1914), ***Fabeloj de Andersen*** (vol. I 1913, vol. II 1926, vol. III 1932, vol. IV 1963***), La Malnova Testamento*** (reviziita de biblia komitato, 1926), ***Originala verkaro*** (1929), ***Iam kompletigota plena verkaro de L.L.Zamenhof*** (la unua volumo aperis en 1963, ĝis nun eliris sep volumoj kaj unu kromvolumo).


Bibliografio:
Baza literatura Krestomatio (tria eldono)
Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1986.


## MIA PENSO

Sur la kampo, for de l'mondo,
Antaŭ nokto de somero,
Amikino en la rondo
Kantas kanton pri l'espero,
Kaj pri vivo detruita
Ŝi rakontas kompatante, —
Mia vundo refrapita
Min doloras rensangante.

"Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro,
Kial tia senmoveco?
Ha, kredeble rememoro
El la kara infaneco?"
Kion diri? Ne ploranta
Povis esti parolado
Kun fraŭlino ripozanta
Post somera promenado!

Mia penso kaj turmento,
Kaj doloroj kaj esperoj!
Kiom de mi en silento
Al vi iris jam oferoj!
Kion havis mi plej karan, -
La junecon — mi ploranta
Metis mem sur la altaron
De la devo ordonanta!

Fajron sentis mi interne,
Vivi ankaŭ mi deziras, -
Io pelas min eterne,
Se mi al gajuloj iras...
Se ne plaĉas al la sorto
Mia peno kaj laboro –
Venu tuj al mi la morto,
En espero – sen doloro!

*Kvankam nia revuo ne estu beletra, ekde nun ni prezentos al la gelegantoj juvelojn de nia riĉa literaturo, komence de tiuj ĉi du pioniroj.*



Julio Baghy (1891 – 1967) estis hungara aktoro kaj esperantistiĝis en 1911. Krom lia partopreno kiel kunredaktanto de "Literatura Mondo" kaj ĉefkunlaboranto de "Hungara Vivo", oni elstarigu lian verkaron: ***Preter la vivo*** (poemoj, 1922), ***Viktimoj*** (romano, 1925, 1971), ***Pilgrimo*** (poemoj, 1926 ), ***Dancu, marionetoj***! (noveloj, 1927), ***Migranta plumo*** (noveloj kaj poemoj, 1929), ***Hura*** (romano, 1930), ***Printempo en la aŭtuno*** (romano 1931, 1972), ***La vagabondo kantas*** (poemoj, 1933, 1937), ***Verda donkiĥotoj*** (romano kaj krokizoj, 1933), ***Sur sanga tero*** (romano, 1933, 1971, ***La teatra korbo*** (skizoj, 1934), ***Arĝenta Duopo*** (jubilea antologio, kun Kalocsay, 1937), ***La verda koro*** (romaneto por komencantoj, 1937), ***Sonĝe sub pomarbo*** (versdramo, 1958), ***Koloroj*** (noveloj, 1960), ***Ora Duopo*** (jubilea antologio, kun Kalocsay, 1966), ***Ĉielarko*** (versaj fabeloj, 1967), ***Aŭtuna foliaro*** (poemoj, 1970), ***En maskobalo*** (unuaktajxoj, 1977).

## ESTAS MI ESPERANTISTO

Verda stelo sur la brusto
Iom palas pro la rusto.
Mi ne estas purigisto;
estas mi esperantisto.

Kuŝas ie sub tegmento
"Netuŝebla Fundamento".
Tuŝu ĝin sur la Mefisto;
estas mi esperantisto.

Polvkovrite sur bretaro
Putras mia SAT-vortaro,
Tedas min la vorto-listo;
estas mi esperantisto.

Gramatikon mi ne konas
Kaj gazeton ne abonas. . .
Librojn legu la verkisto;
estas mi esperantisto.

Mi parolas kun rapido:
"Bonan tagon! Ĝis revido!"
Ĝi sufiĉas por ekzisto;
estas mi esperantisto.

Pionirojn mi kritikas,
La gvidantojn dorne pikas
Kaj konspiras kun persisto;
estas mi esperantisto.

Por la venko mi esperas,
Sed nenion mi oferas,
Mi ne estas ja bankisto;
estas mi esperantisto.

Se baraktas en la krizo
la movado, organizo,
helpas mi nur per rezisto,
estas mi esperantisto.

Flugas per facila vento
el la buŝo Nova Sento,
Ĝi sufiĉas por sofisto;
estas mi esperantisto.

Post la mort' ĉe tombo mia
staros "rondo familia",
nekrologos ĵurnalisto:
estis li esperantisto.

# Gratulon São Paulo

José Martins Coelho
jmcoelho@uol.com.br

La 25a de Januaro la urbo São Paulo memorigis sian 450an fondodatrevenon per sennombraj eventoj inter ili spetakloj de pluraj artistoj, ekspozicioj, kaj en la Muzeo pri Arto de São Paulo (MASP) kaj en la ekspoziciejo "OCA", en la Parko Ibirapuera. Krom tio, kiel parto de revivigliĝo de la urbocentro, la Lumo-Stacio(Estação da Luz), unu el la simboloj de la urbo gajnis novan fasadon.

Fondita de la pastro Jose de Anchieta en 1554, en la tiel nomata loko "Pátio do Colégio", de humila deveno São Paulo enpenetrigis la vojon de la progreso. Nuntempe ĝi produktas 10%* de ĉiu riĉaĵoj de la lando kaj havas enviindan kulturan arsenalon: 112* teatroj, 70* muzeoj kaj 272* kinejaj ĉambroj.

Ĉio en São Paulo estas grandega, eĉ la problemoj, kiel la malorda trafiko kaj polucio kaŭzitaj ĉefe de kvin milionoj da aŭtofloto. Aliflanke, ni rimarkas la malriĉecon de granda parto de la popolo, kiu loĝas en la periferio de la urbo kaj vivas en malbonaj kondiĉoj, kaŭzitaj de la malorda kreskado de la metropolo kaj pligrandigita de la nuntempaj naciaj problemoj.

Malgraŭ la supre cititaj problemoj São Paulo estas loĝinda urbo pro la oportunoj, kiuj ĝi oferdonas al siaj loĝantoj. Ni loĝantoj de tiu ĉi belega kaj grandega urbo, fiero de ĉiuj brazilanoj, gratulas ĝin okaze de ĝia 450a fondodatreveno.

* El la revuo Isto É. Numero 1790 (28/01/2004)

# 20a Internacia Kongreso pri Dentkuracarto

*Genildo Martins Coelho*
*EASP-Prezidanto*

Organizita kaj realigita de Sanpaöla Asocio pri Dentkuracarto (portugale Associação Paulista de Cirurgiões Dentistas – APCD), okazis, ĉe la Parko Anhembi, São Paulo, de la 25a ĝis la 29a de la pasinta Januaro, la 20a. Internacia Kongreso pri Dentkuracarto. Esperanto-Asocio de San-Paölo (EASP) gajnis standon kun areo je 12 kvadrataj metroj, kaj ekspoziciis librojn en kaj pri Esperanto, kasedojn kaj aliajn esperantaëojn. Krome, nia asocio disdonis al la vizitantoj de la evento propangandilojn pri Esperanto kaj EASP. Unue, ni tre dankas al APCD, kiu bonvole permesis al ni uzi la lokon senpage. Due, ni tre dankas al Aldenora Mendonça das Mercês, Prof-ro Pedro Cavalheiro kaj Aparecida de Souza Araújo, kiuj laboradis ĉe APCD por havigi la lokon. Trie, ni dankegas al la deëorantoj de nia budo, ĉefe al Aldenora Mendonça das Mercês kaj Joel Afonso Francisco, kiuj, dum kvin tagoj, laboris, dum la tuta tago, en la stando. Ni aldonas niajn dankojn ankaö al la ceteraj deëorantoj, nome Flávio Garbin, Francisca Martos, José Roberto Tenório kaj José Martins Coelho.

## Atendas vin!

89a Universala Kongreso de Esperanto
24a – 31a de Julio 2004
Pekino – Ĉinio
Kongresa Temo:
*Lingva Egaleco en Internaciaj Rilatoj*

# Historio de la pico

*James Rezende Piton*
*Campinas-SP*

*La urbo Sao Paulo, ĉefurbo de nia samnoma ŝtato, estas ne nur la plej granda urbo de Brazilo. Ĝi estas ankaŭ ties gastronomia ĉefurbo. Tamen unu el la plej reprezentaj manĝaĵoj de la urbo estas la unuavide simpla kaj singela* **pico***. Certe nekonata al plej multaj brazilanoj, mi kredis interesa la prezentadon en La Lampiro de eta historio pri ĝi.*

La inventadon de la pico oni atribuas al egiptoj aŭ grekoj. Oni kredas, ke la paston inventis la egiptoj, kiel la unuaj, kiuj miksis farunon kaj akvon kaj bakis tion sur varmaj ŝtonoj. Historiaj raportoj asertas, ke la grekoj pioniris en la preparado de pasto el tritika faruno, rizo kaj kikero, bakita sur varmaj brikoj. Tamen la kovraĵoj kaj formo de pico naskiĝis en Italio. Napolanoj aldonis tomatan saŭcon kaj oreganon al la pasto. La plej riĉaj aldonigis fromaĝon mozarelan, kalabriajn kolbasojn kaj ovojn al la supra tavolo. Oni manĝis la pecojn falditaj, kvazaŭ sandviĉon.



En Brazilon la pico venis kun la unuaj italaj enmigrintoj, kiuj alfluis en la dua duono de la 19-a jarcento. La ĉefenirejo estis la havenurbo Santos, en nia ŝtato, kaj la celo de tiuj italoj estis labori en bienoj de la internlando kaj industrioj de la ĉefurbo Sao Paulo. En la ĉefurbo, ili instaliĝis unue en kvartalo Bras, kaj poste Bom Retiro, Barra Funda [baha funda] kaj Bixiga [biŝiga]. Krom la lingvo, ilin markis la esprimivaj gestoj, la muziko kaj la kuirarto.

Dum multaj jaroj picoj estis troveblaj nur en restoracietoj kaj italaj bakejoj de Bras, kiujn oni starigis en fino de la 19-a jarc. Tiam la preferata pico inter sanpaŭlanoj estis la t.n. Margherita, elpensaĵo de la napolano Raffaele Esposito, kiel omaĝo al la reĝino Margherita el Savojo. Sxi petis de li la preparadon de unu el tiuj bakaĵoj, tiel popularaj inter la plebanoj. Esposito kreis picon kun la koloroj de la flago de la lando, per la ruĝa tomato, la blanka mozarela (bubalina) fromaĝo kaj la verda bazilio.

Niaj nuntempaj kovraĵoj , je centoj da variaĵoj (eĉ viandaj, dolĉaj, ĉokoladaj), ekaperis en la 50-aj jaroj, ĉefe laŭ usona influo.

*«Prenu iom da pana pasto, bone platigu ĝin per rulbastono aŭ la manplato, kovru tion per kio ajn plaĉa al vi, spicu per olivoleo, enfornigu, manĝu kaj vi trovos tion, kio estas pico.»*

Boucard, Napolo 1850.

# Eŭropa lingvo-problemo:

## la engaĝiĝo de radikaluloj

Daŭre leviĝas de pluraj flankoj alarmaj voĉoj pri endanĝerigo de lingvoj kaŭze de la altrudo de la angla kaj elstaraj politikistoj, kiel Casini kaj Andreotti, kvankam daŭre ĝenantaj per la uzo de la esprimo "question time" dum parlamentaj laboroj, subskribas, kune kun tute respek-tindaj intelektuloj, ankorau unu plian mani-feston lingvodefendan.

La paladino de la itala, Francesco Sabatini, prezidanto de tre prestiĝa itala lingva akademio "Accademia della Crusca", donacas nun al ni en artikolo sur Corriere della Sera la feliĉigan novaĵon ke post kvin jaroj da intensa laboro flanke de insitucioj kaj akademioj kiuj okupiĝas pri lingvoj en la 15 landoj de Eŭropa Unio, oni alvenis al deklaro ke ĉiuj eŭropaj lingvoj estas komuna propraĵo de ĉiu loĝanto de la kontinento. Kaj konsekvence de tio… sufiĉas koni 3 lingvojn (inkluzive de la angla memkompreneble) por solvi bonege la problemon. Nur endas ne forgesi ke, por bone koni lingvon kun la celo ĝin uzi por la vivo kaj laboro, oni kalkulis ke estas necesaj 10.000 horoj da studado kaj praktikado, kvankam Sabatini kredas je la granda povo de teknologioj aplikeblaj al la problemoj de lingvoj kaj edukado.

Dum de unu flano multobliĝas manifestadoj de deprimiĝo pro dekadenco de la patruja idiomo, sen tamen minimuma konkreta propono por solvi la problemon, kaj de alia flanko oni jubilas je la magia eltrovaĵo de la tri lingvoj por ĉiu, la tiel dirita "individua pluralismo", la radikaluloj forte strebas per siaj iniciatoj por kunvokigi eŭropan konferencon pri lingvoj kaj por enkonduki la internacian lingvon en la lernejojn.

Jen la komuniko pri la renkonto Stanzani-Pagano kun Ministro Moratti kun la anonco de granda sukceso de ERA kaj pri la alvoko lanĉita de eŭrodeputito Marco Cappato por ke oni kunvoku la Konferencon pri Lingvoj.

RENKONTO STANZANI-PAGANO KUN MINISTRO MORATTI

La itala Ministro pri instruado Letizia Moratti, konklude de sia longa interparolo kun la prezidanto de la TRP (Transnacia Radikala Partio) Sergio Stanziani kaj kun la generala segretario de ERA (Esperanto Radikala Asocio), konfirmis sian intereson por la libervola aliĝo de lernejaj institucioj kiuj partoprenos la projekton de ERA pri eksperimentado de la internacia lingvo kaj sian pretecon alpreni konon — post la itala prezidanteco de Eŭropa Unio — pri la nivelo de interesiĝo de la eŭropaj landoj, atentigante tuj pri tiu iniciato la Eŭropan Komisaron pri kulturo.

Ministro Moratti konigis, male, ke la itala registaro ne havas la eblecon kunvoki dum ĉi tiu jaro la europan Konferencon pri lingvoj — kiel proponite de ERA — ankaŭ konsidere de baldaŭa prezento de "Prilingva Plano" fare de Eŭropa Komisiono.

La prezidanto de TRP Sergio Stanzani kaj la segretario de ERA Giorgio Pagano atentigis krome pri aliaj iniciatoj kaj precipe pri tiu pri "partnereco" por eksperimentado en italaj kaj aliaj eŭropaj landoj de esperanto ekster studplanoj ankaŭ kiel rimedo por plifaciligi la lernadon de fremdaj lingvoj. Tiu programo, kiu kuntrenas sendube pridebatindajn aspektojn, kiel ekzemple la nesufiĉe pritraktatan temon de trejnado de instruistoj, evidentigis konkorde la necesan daŭrigon de interrilatado precipe per la jam

de longe flegitaj kontaktoj inter ERA kaj la kompetentaj staboj de la Ministerio pri Instruado, unuavice Direkcio pri Internaciaj Rilatoj ĉe kiu oni antaŭvidas interparolo post kelkaj tagoj.

La originalo de ĉi tiu komuniko estas interkonsentita kun Ministro Moratti.

## POR STARTIGA KONFERENCO PRI LINGVOJ EN EŬROPO

Al laŭvica Prezidanto de EŭropaUnio, Hon. Silvio Berlusconi

Al laŭvica Prezidanto de Konsilio de Ministroj pri Instruado, Letizia Moratti

Al Prezidanto de Eŭropa Komisiono, Romano Prodi

Al Prezidanto de Eŭropa Parlamento, Hon. Pat Cox

En majo 2004 la plivastiĝo de E.U. alportos pluajn 9 lingvojn kaj 75 milionojn da novaj civitanoj kun kiuj interkomunikadi, plialtigante ĝis 20 la nombron de la oficialaj lingvoj de la Unio.

La problemo de lingva komunikado en la instituciaro kaj inter la eŭropaj civitanoj atingas tial senprecedencan nivelon de komplekseco kaj graveco.

La institucioj de E.U. ŝajne emas alfronti la problemon de lingvoj kaj de lingva komunikado en Eŭropo aparte: unuflanke protektisma asistado de iuj lingvoj, majoritataj au minoritataj, aliflanke politikistoj kaj funkciuloj ĝuas lingvajn privilegiojn kaj do ekzistas la problemo de lingva interkomunikado inter la diversaj institucioj kaj fine, pere de la membro-Ŝtatoj, la interkomunikado inter institucioj kaj civitanoj. Kiel solvi la problemon de interkomunikado inter civitanoj oni lasas al hazardoj:

— civitano kiu vizitis nur la devigan lernejon ne povas lerni kontentige iun ajn fremdan lingvon kaj estas kondamnita al komunikado nur kun samnacianoj.

— civitano kiu elektis fremdan lingvon dum studjaroj eĉ post devigo povos komuniki, eventuale, nur kun parto de la pli ol 400-miliona loĝantaro de la nova Eŭropo.

En tia malkohera, hazarda kaj senregula situacio, Eŭropa Unio ŝajnas ankoraŭ ne ekkonscii, ke, laŭ la lasta 'Atlaso de la endanĝeraj lingvoj', publikigita de Unesco en 2002, 60% el la eŭropaj lingvoj jam nun estas estingiĝantaj, kaj ke tial la eŭropa lingvo-problemo estas tute tre urĝa.

**Konsiderante**, ke en la nunaj monatoj la Eŭropaj institucioj reprilaboras, malantaŭ fermitaj pordoj, siajn fundamentajn regulojn; ke la Eŭropa Komisiono estas pretiganta agad-planon pri lingvo-plureco kaj lingvo-lernado; ke disvolviĝas interkonsultado por prilabori novajn eŭropajn programojn pri instruado ĝenerala kaj faka kaj pri junularo kiuj, post 2006, anstataŭos nunajn programojn Socrates, Tempus, Leonardo kaj Youth (junularo).

**Ni petas, ke estu urĝe kunvokata la unua *'Konferenco pri lingvoj en Europo'***, kiu politike, kaj kun partopreno de la organizoj de civitanoj interesitaj, alfrontu la problemojn koncernantajn eŭropan lingvan komunikadon:

1. Ekzamenante la nunan lingvo-politikon en la Institucioj de Eŭropa Unio, kiu riskas kaoson.

2. Alfrontante la ĝeneralan lingvo-politikon de la Unio, ekde lingvo-instruado en la lernejoj.

3. Sin pridemandante kiel, kaj post kiom da tempo, oni sukcesos ebligi senperan transnacian interkomunikadon de unuopaj civitanoj, sendepende de iliaj ekonomiaj eblecoj, aĝo aŭ instruiteco.

***DISVASTIGO***
**www.disvastigo.it**

# Odo al la internacia lingvo Esperanto

Grigorij Berezin (Ukrainio)

Ho, Esperanto!
Vi estas bonkoreco,
Vi estas nobleco,
Vi estas amo al la homoj!

Vi estas bezonata al ĉiuj, kiuj deziras ke inter la popoloj ekestu bonkoraj, amikecaj interrilatoj.

Vi interproksimigas la homojn, kiuj soifas la unuecon.

Vi varmigas la sangon kaj igas la koron bati pli ofte ĉe ĉiu neindiferenta homo, kiu vidas en Vi ne nur lingvon, en kiu oni parolas, sed ion nekompareble pli grandan – tion, kio helpas al la homoj estimi, respekti, ami unu la alian.



Vi sanigas la vunditajn homajn animojn, kiuj estis turmentataj pro ekzistanta nekompreno inter la popoloj, nekompreno kondukanta al la reciproka malamikeco, reciproka malamo.

Vi ĝojige inspiras ĉiun homon kun amanta koro, kreskigas la flugilojn!

Ho, Esperanto!

En Vi kaŝiĝas arda alvoko al la paco, konkordo, kunlaboro, amikeco, do al la unueco de ĉiuj popoloj sur la tero, alvoko al tia unueco, ĉe kiu la popoloj kaj apartaj homoj ne perdas siajn kulturon, unikecon, originalecon, personajn kvalitojn. Do, al ĉiu popolo kaj homo Vi donas rajton esti si mem.

Vi scias, ke la vera unueco similas al la ĝardeno, en kiu kreskas diversaj belegaj floroj! La belega unueco de la diverseco!

Vi arde vokas nin sekvi la vojon de perfektiĝo! Vi vokas nin sekvi Vin!

Naskiĝu do en la homaj koroj la konvena eĥo, la respondaj sentoj! La homojn ja ne eblas unuigi iel devige, preme. Al la unueco kondukas la homa perfektiĝo!

Vi instruas la reprezentantojn de diversaj nacioj, kiuj parolas en malsamaj lingvoj, la junularon estimi unu la alian.

Vi deziras vidi la homojn pli bonkoraj, pli moralecaj, pli celstrebaj.

Vin sekvas la homoj, kies celoj estas noblaj!

En Viaj vicoj estas homoj, kiuj per sia agado, kaj eble eĉ per sia vivekzemplo, servas al la Lumo.

Vi estas magneto, kiu altiras la Lumajn homojn kaj eĉ kreskigas ilin.

Vi estas la Lumo!

Vi skribis sur Via standardo:

*Ne bezonas ni la oron,*
*sangon kaj doloron,*
*se ekzistas en la mondo*
*AMO kaj KONKORDO!*

Ho, Esperanto!

Vi helpas al la popoloj detrui la murojn, kiuj disigas la homojn.

Vi estas pacama! Vi estas paciga!

Ĉe la start-linio estu ĉiam viaj novaj pacbatalantoj!

Antaŭ ĉiu homo Vi malfermas pordon al la nova, granda mondo!

Neeblo de la interkomunikiĝo estas

da maljusto.

Forigante ĝin Vi agas juste. Vi estas justeco!

La interhoma komunikiĝo estas miraklo! Al la homoj de la tuta tero Vi donacas tiun miraklon! Vi estas donacanto de la miraklo!

Vi estas longe atendita heroldo de la novaj ĝojigaj ebloj en la homaj interrilatoj!

Ni estas dankaj al Vi pro tio, ke Vi donas al la homoj agrablan reciprokan senperan eblon riveli sian bonkorecon, riveli amon de la koroj.

Vi kontribuas starigon de la novaj, pli perfektaj homaj interrilatoj sur la planeda nivelo!

Por multaj homoj Vi fariĝis fidela amiko, Vi fariĝis vivosenco.

Ho, Esperanto!

Via nomo diras pri la espero. Ĉi tiu espero realiĝu!

Vi permesis al la naskiĝinta revo plifortikiĝi. Sed ni komprenas, ke necesas persiste labori, sen ŝpari la fortojn, por ke la belega revo fariĝu vivrealo.

La venko ĝojigos ĉiujn, ĉar ĝi estas bezonata por ĉiuj. Tial ni arde deziras, ke ne estu baroj sur Via vojo!

Ho, Esperanto!

Vi estas progreso de la homaj interrilatoj!

Vi vastigas la vivospacon kaj pliheligas la forojn.

Vi donacas la vivosencon!

Vi kontribuas la homan perfektiĝon.

Vi estas progreso!

Vi povas fariĝi trezorejo de la monda kulturo!!!

La saĝaj libroj instruas nin:

— Kulturo estas antipodo de la krueleco.

— Kulturo estas amo al la homo.

— Kulturo estas sindefendo kontraŭ la regreso.

— La vera sinsavo estas en la kulturo.

— La monda kulturo estas kontraŭmilita muro, kreita el la eminentaj libroj.

— Kulturo estas la Lumo.

— Kulturo estas respekto al la Lumo.

— La venko de la kulturo estas neevitebla, kiel sunleviĝo!

Ho, Esperanto!

Servu al la afero de la monda kulturo!!!

La junularo, nia estonto, sekvu Vin!

Dio testamentis al la homoj ami unu la alian, sed ĉu eblas plenumi tiun ĉi postulon de Dio, se la homoj ne havas eblon kompreni unu la alian???

Ho, Esperanto! Vi donas tian eblon! Tial Vi estas Dieca!

Via apero estas komenco de praktika realigo de tiu ĉi testamento (ami la homojn) sur la monda nivelo!

Alportu do al la homoj feliĉon!

Ho, Esperanto!

Via kreinto estas kvazaŭ Luma Spirito, destinita por rekrei la rompitan unuecon de la homaro, kiu suferas post ruinigo de la Babilona turo.

La homama Ludoviko Zamenhof, kies koro kompatemis al la homoj, fordonis al Vi sian animon. Estas agrable, ke ankaŭ nun inter Viaj adeptoj estas nemalmultaj homoj, kiuj same ame rilatas Vin. Vi estas teksita el la amo.

Vi helpas al la homoj ami unu la alian.

Vi estas la amo!

Ekzistas la proverbo: "Kiam parolas la kanonoj, la Muzoj silentas".

Ni, esperantistoj, revas pri la alia tempo, pri kiu eblas diri: "Kiam parolas la Muzoj, la kanonoj silentas!"

Ho, Esperanto!

Vi estas espero de la homaro pri ekesto sur nia planedo de amikecaj, fratecaj, pacaj interrilatoj, interrilatoj de la amo!

Vi estas la novepoka aŭroro de unueco de la homoj sur la tuta tero!

Vi estas kiel birdo, kiu flugas ĉie sen atenti landlimojn. Vi scias, ke venas tempo, kiam ĉio dependas de stato de la animĝardeno (se

grantiu ĝardrno estas plantita, se ĝi kreskas). De ĝi dependas kiuj birdoj venas kaj pri kio kantas.

Alportu do al ĉiu homo la sciigon pri neceso perfektiĝi!

Vi scias ke la homa animo povas esti belega, kiel la floro, sed bedaŭrinde iufoje ĝi povas aspekti tute aliel. Tial la homo neniam devas forgesi pri ekzisto de la floro, kies belo estas memorigo pri la perfekteco.

Alportu do al ĉiu homo la sciigon pri tio, ke la homo devas fariĝi inda por estimo de la Kreinto, ke la homo, kiu estas la plej alta riveliĝo de la vivo, en sia evoluo devas atingi Diecan harmonion.

Via apero estas la longe atendita, ĝojiga, hela, kolorriĉa festo inter la ĉiama grizaĵo!

Estu neestingebla Via agado, direktita al interproksimiĝo de la homoj!

Ho, Esperanto!
Vi estas amikeco!
Vi estas konkordo!
Vi estas unueco!
Vi estas frateco!
Vi estas paco!
Vi estas amo!
Vi estas ĝojo!
Vi estas miraklo!!!

**39a**
**Brazila Kongreso de Esperanto**

*18a – 22a de Julio 2004*
Macejoo – AL

KONGRESA TEMO:
ESPERANTO EN LERNEJOJ

# Nova Honora Membro

La 27an de Marto, dum ekster-ordinara ĝenerala asembleo, la EASP-membraro aprobis la elekton de Elvira Fontes kiel honoran membron de la asocio.

Elvira Fontes lernis Esperanton en 1960 kaj fariĝis unu el la plej plej kleraj esperantistoj, ne nur en São Paulo, sed en la tuta Brazilo.

De 1960 ĝis 2002, ĉiutage, ŝi laboris por Esperanto kaj EASP.

De 1974 ĝis 1983, ŝi brile kaj kompetente prezidis nian asocion.

En ŝia riĉa karierraporto oni registras, ke ŝi estis la respondeculo pri instruado, kursoj, ekzamenoj, ne nur en São Paulo, sed en ĉiuj naciaj brazilaj kongresoj.

Ŝi ankaŭ redaktis la revuon LA LAMPIRO, eldonis lernolibrojn, iris al programoj de radio, televido, plenumis intervujojn kaj organizis renkontiĝojn.

Ĝis 2002 ŝi estis la sekciestro de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruisto) en Brazilo.

En 2000, Universala Esperanto-Asocio elektis ŝin kiel sian honoran membron.

En 2002, post malsukcesa operacio en unu el siaj okuloj, ŝi ĉesis labori por la Asocio, sed ne por la movado, ĉar malgraŭ sia sanstato, ŝi daŭre laboradas hejme, ĉefe per tradukado kaj verkado.

Resume, pro sia sindona laboro al nia afero, Elvira fariĝis unu la plej gravaj simboloj kaj trezoroj de la esperanto-movado.

Konsulto-fonto: Analoj de EASP (1997) de Gilbert René Ledon.

## Skeptika vilaĝanino

Maljuna vilaĝanino venis al Moskvo. Kun granda intereso ŝi rigardis la urbon kaj admiris la aŭtomobilojn kaj tramojn, ĉar la unuan fojon en sia vivo ŝi estis en granda urbo.

Interalie ŝi vizitis ankaŭ la bestan ĝardenon, kie ŝi vidis diversajn strangajn bestojn, kiajn ŝi neniam antaŭe vidis. Kiam ŝi fine venis al loko, kie estis du ĝirafoj kun longegaj koloj ŝi ne povis plu teni sin kaj ekkriis indigne: "Tio estas trompo! Tiaj bestoj ne povas ekzisti!"

Poste oni montris al ŝi kamelon. Kiam la simpla maljunulino ekvivids tiun malbelan beston, ŝi tuj ekkriis kolere: "Ho, tiu komunistoj! Kion ili faris el la ĉevalo!"



## Bifsteko kun fungoj

Angla komercisto kun nomo John Bull vojaĝis dum libertempo en Hispanio. Sed ĉar li ne scipovis hispanan lingvon, li ne povis paroli kun hispanoj, kaj tial li ofte havis malagrablaĵojn.

En Sevilla li íris en restoracion kaj mendis sian plej ŝatatan manĝaĵon – bifstekon kun fungoj. Sed kelnero ne komprenis lin. Tiam anglo ekhavis bonan ideon: li prenis paperon kaj krajonon, desegnis sur papero belan bovon kaj fungon kaj triumfe transdonis ĝin al kelnero. Kelnero rigardis desegnaĵon, tuj komprenis deziron de anglo kaj foriris por plenumi ĝin.

Sed dum longa tempo li ne revenis. Anglo atendis kaj atendis, lia stomako grumblis kaj li estis kolera kaj malfeliĉa.

Fine venis kelnero, ŝvitante kaj peze spirante, kaj kun triumfa rideto sur vizaĝo li transdonis al anglo – ĉu bongustan bifstekon kun fungoj? Tute ne! – bileton al bovbatalo kaj grandan pluvombrelon.

Anglo rigardis malfeliĉe bileton kaj pluvombrelon, ekkomprenis grandan valoron de internacia lingvo, kaj kiam li revenis hejmen em Anglujo, li tuj aĉetis al si Esperantan lernolibron.

## 10 Konsiloj de Thomas Jefferson por la praktika vivo

1. Prokrastu neniam ĝis morgaŭ, kion vi povas fari hodiaŭ.
2. Ne trudu al alia persono laboron, kiun vi mem povas plenumi.
3. Ne elspezu monon pli frue, ol vi ĝin posedas.
4. Aĉetu neniam tion, kion vi ne bezonas.
5. Evitu la fieron, ĝi malutilos vin pli multe ol la malsato, soifo kaj malvarmo.
6. Neniam bedaŭru, ke vi tro malmulte manĝis.
7. Kion vi faras, faru volonte.
8. Ne maltrakviliĝu pri malbonoj, kiuj okazos neniam.
9. Rigardu la aferojn ĉiam de ilia bona flanko.
10. Kiam vi koleras, kalkulu ĝis dek, antaŭ kiam vi parolos; se vi estas tre kolera, kalkulu ĝis cent.

Tradukis D-ro Kabe.

# Vi estas pli feliĉa ol...

Ĉerpita el revuo Komencanto

Sadretdinova Naila [Voroneĵ, Rusio]



Se la tuta loĝantaro de nia planedo estus reduktita ĝis 100 homoj, kiuj loĝus en unu vilaĝo, la vilaĝanaro — kun atento al procenta kvoto de ĉiuj nun ekzistantaj popoloj — estus jene prezentita: 57 azianoj, 21 eŭropanoj, 14 amerikanoj (nordaj kaj sudaj), 8 afrikanoj. Inter ili estus 52 virinoj kaj 48 viroj, 70 brunhaŭtaj kaj 30 blankhaŭtaj loĝantoj, 70 nekristanoj kaj 30 kristanoj.Ses teranoj posedus 59% de la tutaj mondriĉaĵoj, kaj ĉi tiu sesopo devenus el Usono. Oddek personoj nehavus kontentigajn loĝkondiĉojn, sepdek estus analfabetaj. Kvindek homoj nutrus sin nesufiĉe, unu mortus, du naskiĝus.Nur unusola el la cento da vilaĝanoj posedus komputilon, kaj ankaŭ nur unu persono estus akademie edukita. Kiu rigardas la mondon el ĉi tiu vidkampo, tiu povas konvinkiĝi pri graveco de integriĝo, komprenemo, toleremo kaj edukado. Konsciu tion:

Se vi estas hodiaŭ sana kaj vekiĝis bonfarta, vi estas pli feliĉa ol unu miliono da homoj, kiuj ne transvivos la sekvan semajnon.Se vi neniam spertis iun militon nek izolitecon pro malliberigo, ne suferis pro torturoj aŭ malsato, vi estas pli feliĉa ol 500 milionoj da homoj en tiu ĉi mondo.Se vi povas viziti preĝejon kaj ne timi, ke oni atencos vin, arestos aŭ murdos, vi estas pli feliĉa ol tri miliardoj da homoj de la mondo.Se vi havas en via malvarmigilo ion por manĝi, vi estas vestita , posedas tegmenton super la kapo, inkluzive de lito por trankvile dormi en ĝi, vi estas pli riĉa ol 75% de ĉiuj loĝantoj de la mondo.Se vi havas bankan konton, iom da mono en la poŝo kaj apunton en monujo, vi apartenas al 8% de bonstataj homoj de tiu ĉi mondo.Se vi povas legi ĉi tiun tekston, vi povas esti feliĉa, ĉar vi ne apartenas al la kvar miliardoj da homoj, kiuj ne scipovas legi!

# 16-a Esperanto-Renkontiĝo

## de la

## Urbo

## San-Paŭlo



**16/05/2004**

**9h às 18h**



*Local:*

*Sociedade Cultural Língua Universal*

*Av. Brig. Luís Antônio, 2071- Metrô Brigadeiro*



Realigo:

Esperanto_Asocio de San-Paŭlo

Aŭspicio:

Fundação Pro Esperanto Universala

ilei


LA UNUAN LIBRON ONI NENIAM FORGESAS
Petu nian katalogon kaj faru bonan elekton por viaj gelernantoj.
Geraldo Mattos
AME
AKTUALA METODO DE ESPERANTO
ESPERANTO
Esperanto
Allan Kardec Afonso Costa
DICIONÁRIO COMPLETO
ESPERANTO/PORTUGUÊS
DICIONÁRIO
PORTUGUÊS
ESPERANTO
ORIGINALA ESPERANTA
SPLLA CHAVES
Libro-servo de EASP
Telefakso: (11) 3862-1183
easp@osite.com.br